15-a jaro. — N-ro 5 (171) Majo 1929




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO: Fr. 20,—
EKSTERLANDO: Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1929

15a JARO N-ro 5 (171) MAJO 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| Direktoro : FRANS SCHOOFS 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen Telefono 543.74 | Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 1337.67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA |
|---|---|

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


### POR BELGUJO PER ESPERANTO KAJ RADIO.

Propaganda parolado dissendita al la eksterlandaj geaŭskultantoj, el radiostacio « Radio-Belgique », la 22an de Aprilo 1929 :

Estimataj Gesamideanoj,

De pluraj jaroj, « Radio-Belgique » tre vigle interesiĝas pri la esperanto-movado. Kun la multvalora kaj konstanta kunlaborado de Belga Ligo Esperantista, ĝi regule dissendas esperanto-kursojn kaj esperanto-bultenon legatan ĉiusabate, post la koncerto, je la 10¼ a vespero.

Tiuj dissendoj estas aŭskultataj kun vigla intereso de la ĉiutage pli multnombraj belgaj esperantistoj, kaj ankaŭ de la eksterlandaj.

Jam tre multaj leteroj alvenis al ni, senditaj de ĉiuj anguloj de Eŭropo, kaj ni tre volonte kaptas la okazon danki tiujn ŝatatajn korespondantoĵn.

Por ili precipe, ni parolas hodiaŭ vespero, kaj tiel ni starigos dank'al Esperanto, pli fortan ligilon kun nia lando ; pro tio ni parolos al vi dum kelkaj minutoj pri Belgujo.

Sur la landkarto kaj en la historio-lernolibroj, Belgujo ne havas grandan lokon ; ĝia surfaco estas malgranda, kaj ĝia politika ekzisto apenaŭ daŭras de unu jarcento. Kaj tamen, de la plej antikva pratempo, la Belgoj enskribis sian nomon en la historion de la mondo. Ĉu ni devas, je tiu okazo rememorigi la vortojn de Cezaro, kiu, en siaj komentarioj pri la galla milito skribis : « Omnium Gallorum fortissimi sunt Belgae », tio signifas El ĉiuj Gallaj popoloj, la plej bravaj estas la Belgoj. Li tiel honorigis la kuraĝon de tiuj, kiujn li nur grandpene estis venkinta.

La energio de ĝiaj enloĝantoj, tiel laŭlonge la jarcentoj, estis meritonta al Belgujo glorajn kaj tragikajn citadojn.

Sed, tio ne sufiĉus klarigi la altiron de la belgaj provincoj, tiom por iliaj loĝantoj, kiom por la fremduloj. Necesas serĉi tiun allogon en la aspekto de la lando, en ĝia tre speciala ĉarmo, en la diverseco de ĝiaj pejzaĝoj.

Flandraj aspektoj, grandegaj fruktodonaj ebenaĵoj akvumitaj de Skeldo kaj **Lys,** borderataj, laŭlonge de griza Norda Maro, de flavetaj sablomontetoj kun arbetaroj apud la franca limo. Pli norde, la malgajeta Kampino kun ĝiaj marĉoj, ĝiaj grandegaj erikejoj, ĝiaj pinarboj.

Venante el Francujo kaj fluante al Holando, trairante la urbojn **Dinant, Namur, Huy** kaj **Lieĝo,** la riverego Mozo fosas en la roko admirindan valon. Pli malproksime kuŝas la sovaĝa Ardeno, la profundaj arbaroj de St. Hubert kaj ankaŭ la dezerta majesteco de la regiono nomata « Hautes Fagnes », inter **Spa** kaj **Eupen.** Estus ankaŭ necese priparoli pli longe la ĝuegigajn pejzaĝojn de la riveroj **Ourthe, Amblève** kaj **Semois** ruligante siajn klarajn akvojn sur ŝtonaj fluejoj, en la kadro de valoj jen sovaĝoj, jen ridetantaj.

Cirkaŭ Bruselo, cedeme ondiĝas la pentrindaj brabantaj pejzaĝoj, dolĉaj pejzaĝoj, fruktodonaj kampoj, vastaj farmbienoj kun ruĝaj tegmentoj kaj fortike ĉirkaŭataj de kalkumitaj muroj, kverkaj aŭ betulaj arbaretoj, tio formas idealan kadron por la ĉefurbo etendiĝanta en la valo de la rivero **Senne,** kies flankojn ĝi suprengrimpas.

Tute apud Bruselo kuŝas la vasta arbarego de **Soignies** ; poste estas la provinco **Hainaut,** la febraj kaj malhelaj pejzaĝoj de **Borinage** kaj de la regiono de la urbo **Charleroi** : metala eltranĉado de grandegaj laborejoj kontraŭ la ĉielo malheligata de fumo, nigraj piramidoj de la polvkarbaj deponejej, hirtaĵo de kamentuboj, malrapida laŭirado de ŝarĝŝipoj sur la per oleo malpurigataj kanaloj, dum spiregantaj vagonaroj rapidas en ĉiujn direktojn. Laborpejzaĝoj tiaj, kiajn oni trovas ĉirkau Lieĝo, **Seraing, Herstal,** kiaj multobliĝas ankaŭ en Limburgo ĉirkaŭ la novaj karbminejoj.

Nun ni devus, por pli perfektigi tiun pentradon skizi la belajn urbojn.

**Bruselo,** luksa kaj grand-komerca urbo, fieras pri sia malnova gotika urbdomo, stariganta sian delikate skulptitan turon supre de placo unika en la mondo pro la malnoveco kaj la luksegeco de ĝiaj domegoj sur kies fasadoj brunigita oro substrekas la ŝtonajn ornamaĵojn. Bruselo fieras ankaŭ pri sia grandega Juĝejo superreganta la tutan ĉirkaŭan pejzaĝon, pri siaj muzeoj plenaj je ĉefverkoj, pri sia parko laŭ franca maniero, noble desegnita, pri siaj larĝaj stratoj, siaj belaj bulvardoj, la riĉeco de siaj magazenoj, la brulega vivo de sia civito, Bruselo, kiu baldaŭ ankaŭ posedos vastan industrian fabrikaron, laŭlonge de sia mara **kanalo,** de **Anderlecht** ĝis trans **Vilvorde.**

**Antverpeno** kaj ĝia haveno, kie venas halti, en la profundaj akvoj de Skeldo, ŝipoj el la tuta mondo, Antverpeno kie, flanke de vastaj deponejoj, flanke de la kajoj bruaj pro vivo, la turistoj iras admiri

belegan katedralon, muzeojn kie regas la gloro de **Rubens**, kaj de **Van Dyck**, la antikvan domon kie **Plantin**, kaj ĝiaj posteuloj ellaboris ĉefverkojn de tipografia arto, kaj la Zoologian Ĝardenon, unu el la plej belaj de la mondo.

Sed Belgujo kalkulas ankaŭ aliajn arturbojn. Bruĝo, Gento, Mehleno, Loveno, Aŭdenaerde kaj Nivelles inter aliaj malnovaj urboj riĉaj je memoraĵoj kies turoj kaj belfridoj pensigas pri la pasintoj gloroj.

En Lieĝo kiel en Antverpeno ekzistas tiu konstanta kontrasto inter la malnova urbo kaj la nova. Tie-ĉi la valona bonhumoro kaj la moza fantazio miksiĝas kun la aferspirito, al la brulega volo kiu aperigis laŭlonge de la Mozo vastajn laborejojn, grandegajn maŝinejojn kaj tiujn tragikajn laminejojn, kiuj vespere, je la momento de la fandado kvazaŭ, sangoplenigas la ĉielon.

Kaj tio incitas nin diri al vi kelkajn vortojn pri la riĉeco de nuntempa Belgujo. Eksterlande, oni konas ĝiajn fandaĵojn, ĝiajn ferojn elirintajn el la laborejoj ĉirkaŭ **Lieĝo, Charleroi** kaj **Mons** ; ĝiajn armilojn, ĝiajn aŭtomobilojn, la karbojn eltiritajn el ĝia profundaĵo en **Borinage**, en la regionoj de **Charleroi, de Lieĝo** kaj el la nova kampina regiono, la produktaĵojn de ĝiaj vitro-kaj kristalfabrikoj, ĝiajn ŝtofojn de **Verviers**, ĝian linon kaj ĝiajn linofadenojn ellaboritajn sur la bordoj de la rivero Lys, ĝiajn puntojn de Mehleno, de Bruselo kaj de Bruĝo; ĝiajn konstruŝtonojn, ĝiajn pavimojn, ĝian ardezon kaj ĝiajn marmorojn, prave famekonatajn.

Ni nun, mallonge, trarigardu la intelektan kaj artan aktivecon de Belgujo.

La supera instruado estas donata en kvar universitatoj : Bruselo, Lieĝo, Loveno kaj Gento. En tiu lasta, de nelonge, la instruado okazas ankaŭ en la flandra lingvo. Estas necese aldoni la Labor-Universitaton de **Charleroi**, la Minlernejon de **Mons**, la teksaĵ-lernejon de **Verviers**, la Agronomian Instituton en **Gembloux**, la kolonian Universitaton de **Antverpeno** kaj la superajn komercajn lernejojn de **Mons** kaj **Antverpeno**. Inter la profesoroj de tiuj organizaĵoj troviĝas famaj, tutmonde konataj kaj ŝatataj viroj tiaj kiaj la historiisto **Henri Pirenne**, doktoro medicinisto **Jules Bordet**, kiu antaŭ kelkaj jaroj ricevis **Nobel** premion, eltrovinto de la reakcio kiu konservas lian nomon, la humanisto **Boisacq**, k.t.p. Tiuj profesoroj kalkulas multajn eksterlandajn studentojn inter siaj aŭskultantoj.

Sur la arta kampo, — pentrado, skulptado, arĥitekturo, — Belgujo posedas admirindajn riĉaĵojn kiujn ĝi heredis de la pasintaj tempoj. Sed ĉiam Belgoj montris sin plej speciale pentristoj. Kaj oni povus, de la praulo**j Van Eyck**, ĝis la nuna tempo, nomi majstrojn de universa famo. Ni nur citos la plej karakterizajn inter ili, tio estas **Roger de la Pastur, Van Dyck, Brouwer, Breughel, Teniers** kaj pli proksime al ni, **Leys, Wiertz, Portaels,** la du **Stevens, Lamorinière, Fourmois, Claus, Courtens, Van Rysselberghe** kaj **Artan,** kaj fine, nuntempe, **James Ensor, Donnay, Brusselmans, Schirren, Anto-Carte, Permeke, Van de Woestyne** kaj multajn aliajn.

Rilate al Skulptarto, ni devus priparoli al vi la delikatajn artistojn kiuj ornamis la belajn katedralojn, la fierajn belfridojn, la Halojn de Ypres, ruinigitajn dum la milito, kaj la urbdomojn.

Tra la jarcentoj, oni trovas la nomojn de **Duquesnoy, Del Cour, Geefs, Fraiquin,** kaj inter la nuntempuloj, **Vinçotte, Jef Lambeau, Dillens, De Vigne, de Lalaing, Rick Wauters,** kaj **Minne.**

Inter la arhitekturistoj **Poelaert,** kreinto de la Juĝejo de Bruselo **Vandevelde,** unu el la renovigantoj de arhitektura arto kaj **Horta,** kiu, inter aliaj, konstruis la novan Palacon de la Belartoj pri kiu fieras la ĉefurbo.

En muziko, Belgujo okupis grandan lokon jam de le 14a jarcento. Ĝiaj muzikistoj havis tiam ĉefan influon sur la muzika disvolviĝo kun **Dufay, Okeghem, Desprez, Willaert, k. a.**

Pli proksime al ni, ni notos la konsiderindan rolon ludatan de Cesar Franck, en la renovigo de la franca nuntempa muziko; ni substreku ankaŭ la sukcesojn kaj la verkojn de **Lekeu, Peter Benoit, Blockx. Fétis, Gevaert, Tinel, Gilson, De Boeck, Rasse, Jongen, Buffin, Delcroix, Otlet, Bernier.**

Inter la famaj virtuozoj instrumentistaj, ni notu de **Beriot, Vieutemps,** kaj **Ysaye** por la violono, **Servais** por la violenĉelo, kaj **Hasselmans** por la harpo.

En franclingva literaturo, Belgujo posedis kiel sian unuan ĉefverkiston **Charles De Coster,** aŭtoro de la nemortema legendo de **Thyl Ulenspiegel**; poste venis la granda grupo « **Jeune Belgique** » : **Max Waller, Van Lerberghe, Van Hasselt, Lemonnier, Georges Rodenbach,** ka **Emile Verhaeren, Georges Eeckhout, Eugène Demolder, Maurice Maeterlinck.**

Fine inter ni : **Edmond Glesener, Severin, Gustave Van Zype, Georgesges Rency, Gr. Le Roy, A. Baillon, k.c.**

La flandra lingva literaturo ankaŭ kalkulas multajn reprezentantojn. Inter ili : **Ledeganck, Van Rijswijck, Conscience, Snieders, Teirlinck, de Mont, Guido Gezelle, Buysse, k.a.**

La necese rapida trarigardo kiun ni ĵus faris ne permesis al ni montri la karakterizaĵojn de la belga arto. Ni tamen insistos sur la fakto ke, ĉe la literaturistoj kiel ĉe la muzikistoj, oni trovas priskribajn ecojn, kiuj proksimigas ilin rekte al la belgaj pentristoj prave famaj pro la riĉeco de ilia koloraro kaj la luksego de ilia pasto.

Pentristoj, poetoj kaj muzikistoj admirinde esprimis sian rason solidan kaj fieran, fortikan kaj amantegan liberecon. Raso de laboruloj ŝatantaj mallacigi dum senĝenaj festenoj kaj drinkadoj.

Sed ankaŭ strange mistika raso ŝatanta tiom la bruegon de kermeso, kiom la pacon de beginejoj. Tial la sonorilaroj de la altaj belfridoj kantas kun sama fervoro dum la tago de popola ĝojo kaj dum la belaj religiaj procesioj disvolvas en la urboj siajn orumitajn ondojn. Tial ankaŭ la belga loĝantaro konservas fiere la memoron de la gravaj luktoj kiujn ĝi devis fari por akiri kaj konservi sian liberecon.

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.

Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.

P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.

Ĝenerala Sekretario : H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.

Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken-Antverpeno.

---

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.

ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.

BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.

BRUSELO : Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, F. Mathieux. R. Brihay.

BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».

CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.

GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.

KORTRIJK : Grupo Esperantista. —C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.

LIEĜO : Lieĝa Ago ». — E. Oger.

LIERO : Liera Stelo. — Jos Leflot.

LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.

MEĤLENO : Mehlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.

NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.

SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.

S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.

SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.

TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.

VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.

Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al ni sian koncizan raporton je la fino de ĉiu monato.

---

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».

**Poŝtĉeko :** 1337,67.

Bataloj de la flandraj komunumanoj, bataloj de Lieĝo, la brula urbo, kontraŭ siaj episkopaj princoj, bataloj kontraŭ la hispana subpremado, kontraŭ la francaj reĝoj, kontraŭ la Aŭstroj. Venka revolucio de 1830 kaj fine la longa kaj doloríga milito de 1914-1918, kiun sen malfortiĝo suferis la Belgoj ĝis la fina venko, por konservi sendependecon akiritan per tiom da sango kaj da memofero.

Nuntempa kaj sendependa Belgujo firme ligis sorton al tiu de la dinastio fondita de Leopoldo la Unua. de Saxe-Cobourg-Gotha, ĝia unua reganto.

Ĝi ne forgesis tion, kion ĝi ŝuldas al tiu saĝa, pripensema, energia kaj lerta reĝo. Ĉu li ne estis dum speciale malfacilaj horoj la plej fidinda protektanto de ĝia juna kaj detrueble libereco ?

Leopoldo la Dua, nobla eŭropa famulo, cerbo plena je malavaraj kaj fruktedonaj pensoj, okupis sin precipe pri efektivigo de ĉefaj laboraĵoj, pri moderna organizo de la lando, pri plilariĝigo en la popolo, de la spirito de gravaj aferoj.

Por kroni sian regadon, li donacis al Belgujo ĝian mirindan kolonion Kongolandon.

Lia posteulo, Alberto la Unua, plifortigis sian fortan personecon dum la malhelaj militaj tagoj; de tiam li ne ĉesis sin dediĉi al la nacia restarigo, al la perfektigo de la scienco kaj ekonomia ilaro de Belgujo Helpas lin por tiu tasko Reĝino Elisabeth, amata de ĉiuj pro sia simpleco, sia amo al la malriĉuloj kaj sia zorgo protekti la artojn kaj literaturon.

Lo Kronprinco Leopoldo edziĝis dum 1926, svedan princinon Astrid, kiu naskis filinon, princinon Joséphine-Charlotte.

En laborema kaj trankvila atmosfero, Belgujo klopodas vivi en bonaj rilatoj kun siaj najbaroj. Paceme kaj laboreme, kulturante artojn kaj sciencojn, ĝi esperas daŭrigi sian ekzistadon en plena sendanĝereco.

La vundoj de la milito cirkatriĝadas ,la Kolonio, bone administrata pravigadas la esperojn, kiujn ĝi donis al Leopoldo la Dua, la laborejoj laboradas, la havenoj estas aktivaj kaj, sur ĉiuj kampoj, la Belgoj klopodas montri, ke ili pli ŝatas la pacajn sukcesojn ol la ruĝegajn venkojn akiritajn sur la batalkampoj.

Ni esperas ke tiu mallonga parolado estis agrabla al vi.

Ni adresas nian plej koran saluton el ĉiuj senfadenistoj, belgaj kaj eksterlandaj.

Kun plej granda plezuro «Radio-Belgique» ricevos la komunikaĵojn kiujn ili bonvolos havigi al ĝi, skribante al Radio-Belgique, 1a rue du Bastion, Bruselo. A. GUERY.

Esperantigis Dro KEMPENEERS.

## BELGA KRONIKO.

AALST-ALOST. — La grupo « Pioniro » malfermis novan kurson, je la 10a de Majo en la sidejo « Boerenbond » Granda Placo. La vicprezidanto de la grupo gvidas la kurson. Sekvante la bonan ekzemplon de la plej grandaj grupoj en nia lando, la estraro de « Pioniro » decidis, ke la novaj lernantoj pagos la kutiman membran kotizon de la grupo, kiu enhavas la liveron de « Belga Esperantisto ».

ANTVERPENO. — **« La Verda Stelo ».** Sabaton 6an de Aprilo, la Ĝenerala monata kunveno kunvenigis grandan ĉeestantaron, dum kiu la estraro instigis denove la Gemembrojn daŭrigi la varbadon por la du malfermotaj kursoj.

Sabaton 13 an ni ĝuis la plezuron aŭdi ege interesan priparoladon de S-ro Jens Schjerve, norvega samideano, kiu rakontis sian vojaĝon tra Hispanujo. Li priskribis la trezorojn de Grenade, Barcelona, Madrid. Sprite li komunikis siajn impresojn pri la ĝenerala atmosfero en Hispanujo. Li komunikis sian miron pro la lerta organizado kiu tiel faciligas turismon en tiu bela lando.

Sabaton 20an : S-ro Schoofs klarigis la 3 filmojn pri « Budapeŝto ». Tiu riĉega urbo certe altiros milojn da esperantistoj por la kongreso kaj sendube estas multaj antverpenaj gesamideanoj, kiuj ŝatas iri tien sed... « de la kaliko al la lipoj !...»

Sabaton 27an nia amiko kaj samideano S-ro Koep bonvolis doni okazon al la malgrandaj kaj grandaj infanoj de la grupoj, vidi amuzajn filmojn; inter alie estis tiu de « Karolo paŝtisto ». Tiu montrado de kinematograffilmoj okazis dum gramofonkoncerto en la sekretariejo de la « Verda Stelo », muzikvendejo de Groj Faes. Grandega ĉeestantaro bone sin amuzis. S-ro Jaumotte, prezidanto, diris koran dankvorton al S-ro Koep kaj al Ges-aj Faes.

Dimanĉon 28an kelkaj geamikoj aranĝis viziteton al Bruselo kie ili renkontis la delegitojn de Bruĝo, Aalst, Verviers kaj kun tiuj samideanoj ili vizitis Bruselon kaj Laeken.

Jaŭdon 11an kaj Mardon 30 malfermiĝis du novaj kursoj. La unua gvidata de S-ro Schoofs venigis dekon da novaj lernantoj en la kutiman lernejon; la dua organizata en la sekretariejo, kaj gvidata de S-ro Faes venigis pli ol 20.

Jam de la monato de Februaro, S-ro Marcel Roost, advokato, gvidas specialan kurson de Esperanto por kelkaj advokatoj de Antverpeno. La unua leciono okazis la 5an de Februaro kaj estis enkondukita per klariga paroladeto de la citita profesoro.

**La Flandra Blindula Ligo** havis sian kongreson en Antverpeno je la 12a de Majo. Je tiu okazo estis organizita ekspozicio de revuoj pri la blindula movado, gazetoj kaj libroj por blinduloj, inter kiuj ni notis multajn verkojn en Esperanto.

HOBOKEN (Antverpeno). — La grupo « Hobokenaj Esperantistoj» organizis paroladon je la 28a de Aprilo en la salono « Géant ». Tiu parolado estis sub la alta protektado de la ĝenerala konsulejo de Finlando en Antverpeno.

GENTO. — La Gentaj gesamideanoj kunvenis ĉiumerkrede kaj entuziasme preparis nian nacian kongreson kun la espero, ke ĉiuj gekongresanoj estos kontentaj pri la organizo.

RONSE-RENAIX. — S-ro De Boes, finis sian kurson kaj esperas ke li povis baldaŭ starigi grupon en sia nova loĝurbo.

## BELGA GAZETARO.

Kun plezuro ni notas la prekaŭ ĝeneralan akcepton en la tuta gazetaro de la komunikoj por kaj pri nia lingvo kaj pri la vivo de niaj grupoj.

Aparte ni notas la daŭrigon de la katolikaj gazetoj de ilia propagando por la disvastigo de Esperanto inter la katolikoj Specialajn informarojn ili publikigis pri la organizo de la Esperanto-studotago de la 20a de Majo en Gento.

« Gazet van Antwerpen » 26-4-29 enhavis longan pledon de Wannes pri la signifo kaj utilo de nia lingvo por la katolikoj. Je la 30-4-29 tiu sama redaktoro skribis alian bonegan propagandan artikolon por nia lingvo, sub la titolo « Profetoj, kiuj ne manĝas panon ».

«L'Avenir d'Oostduinkerke » anoncas la 12an de Majo la baldaŭan starigon de Esperanto-grupo de Nieuwpoort (Nieuport). Al kunlaboro ni tutkore vokas tiujn novajn laborantojn.

« De Diamantbewerker » 11-5-29 represas el « Weekblad » grandan informaron pri la organizo kaj agado de «Sennacieca Asocio Tutmonda».

« Revue Sténographique Belge » -- Majo -- sciigas la starigon de itala asocio de Esperantistaj Stenografiistoj, kiu havas sian sidejon en Napolo.

## GRATULOJ

Al **S-ro Camiel Bekaert,** policano-inspektoro, malnova membro de la Antverpena Polica Grupo Esperantista, kiu festis sian 25jaran profesion jubileon.

Ni rajtas fieri pri nia samideanino **F-ino Irma Quintin,** bone konata antverpena pentristino, kiu akiris brilegan sukceson eksterlande. « La Reĝa Akademio » de Londono organizis antaŭ kelkaj semajnoj konkurson por sia jara ekspozicio. La pentraĵo sendita de F-ino Quintin estis akceptata. Ni aldonu-ke inter la 15.000 senditaj pentraĵoj nur 1600 estis akceptitaj.

Herman, la 21an de Aprilo 1929.

Al **Gesinjoroj M. Somerling-Colijn,** el Bruselo, al kiuj naskiĝis fileto, **S-ro Gregoire Van den Abeele,** flagportisto de la **Bruĝo Grupo,** edziĝis kun **F-ino Julia Lefèvre,** membrino de la Grupo,la 16an de Aprilo.

## FRAŬLINO MUSO.

Malgranda kaj maldika ŝi estis, kaj la nigraj vestajoj, kiujn ŝi ĉiam portis, la malgajaj okuloj, kiujn bordumis ruĝa rando, donis al ŝi funebran aspekton. Neniam aperis rideto sur ŝiaj lacaj trajtoj, kaj ŝiajn dolĉajn bluajn okulojn ŝajnis ĉiam okupi ununura penso

Ŝi loĝis en mallarĝa, malhela strateto, kies dometojn la suno malofte karesis. Je sia subiro nur, ĝi sendis orruĝan radion sur la supron de la pintformaj fasadoj, kaj post ĝia malapero la dometoj aspektis ankoraŭ pli grize kaj malgajige ol antaŭe.

Neniu konis ŝian aĝo. Antaŭ dek jaroj ŝi unu tagon venis, oni ne sciis de kie, sekvita de veturilo enhavanta ŝiajn meblojn kaj kondukita de maljuna vireto. Babilemulinoj el la urbeto provis babili kun ŝi, sed mallonga kaj sensekva respondo baldaŭ malkuraĝigis la plej scivolemajn. Kaj, ĉar neniu konis ŝian nomon, oni, pro ŝia nebruemo kaj malgrandpaŝa, rapida irado, ŝin nomis « Fraŭlino Muso ».

La viperaj urbetaj langoj pretendis, ke ŝi estis sorĉistino aŭ frenezulino. Sed ĉiu inteligenta kaj sentema persono prave sentis, ke ne kuracebla ĉagreno regis en vundita animo.

Jaroj pasis. La sezonoj sin sekvis alportante siajn ĝojojn kaj malĝojojn, siajn florojn kaj frostojn. Ĉe la homoj ankaŭ, la somero anstataŭis la printempon kaj la vintro l'aŭtunon. Sed Fraŭlinon Muso sole, la tempo ŝajnis forgesi. Ŝi ne ŝanĝiĝis. Pri ŝi ni ne multe pli sciis ol antaŭe. Nur ŝian veran nomon ni ekkonis pro eraro de la leterportisto, kiu hazarde enmetis en nian skatolon leteron destinitan al la maljunulino. Ŝia nomo estis Fraŭlino Delarbo. Kiam patro legis tiun nomon, li diris, ke li iam konis Fraŭlinon tiel nomatan, kiu perdis fianĉon en la milito de 1870. Sed li ne sciis, ĉu Fraŭlino Muso povus esti tiu persono.

Iun tagon mi fianĉiniĝis kaj kelkajn monatojn poste edziniĝis. La tagon de mia edziniĝo mi ricevis delikatan bukedon da konvaloj kun la jenaj vortoj : « Al feliĉa junedzino ,kies revo efektiviĝis. Povu ŝi ĝui sennuban kaj longedaŭran feliĉon ». Nenia subskribo troviĝis sur la bileto, kaj ni ne sukcesis imagi, kiu povus esti la mistera sendinto de la floro. Patrino sole, ekdiris, ke ŝi ne mirus, se la donaceto estus farita de Fraŭlino Muso. Sed ĉiu tiom ridis pro ŝia ideo, ke ŝi nenion plu aldonis.

Post mia edziniĝo ni forlasis mian naskiĝurbeton por vivi en granda urbo, kies bruo kaj aktiva vivo iom post iom forviŝis el mia memoro la kvietajn simplajn enloĝantojn de mia antaŭa restejo. La mistera Fraŭlino Muso ankaŭ tute malaperis el miaj pensoj ,kiam, unu vintran vesperon, legante kviete la ĵurnalon apud la fajro mi trovis artikolon inter la diversaj okazintaĵoj, kiu dolore premis mian koron kaj eligis el mia gorĝo nevolan ekkrion. Patrino kiu sidis kontraŭ mi, mire levis la kapon kaj je ŝia demanda rigardo mi legis la jenon : « Okazis hieraŭ ekbrulado en ĉambreto troviĝanta sur la kvara etaĝo de la numero 4 de la Londonostrato. La fajro-estingistoj, avertitaj de

najbaroj, supreniris al la brulejo kaj, malferminte la pordon de la ĉambreto, sin trovis antaŭ stranga kaj malgajiga spektaklo. Tere kuŝis, duonbruligita, maljuna virino, vestita per malnovmoda edziĝtualeto. Sur la tablo kuŝis flaviĝintaj leteroj kaj sekiĝitajn floroj. En ŝia krispita mano ŝi tenis ankoraŭ velkitan bukedon de konvaloj. Oni supozas, ke la malfeliĉulino revivigis tiun tagon dolorajn rememoraĵojn, kaj ke, pro ŝia larĝa malnovmoda jupo, kiun ŝi ne kutimis porti, ŝi tuŝis la fajron. La mortintino, iu Fraŭlino Delarbo estis sepdekdujara.

Patrino kaj mi malgaje rigardis unu la alian. Poste ŝi diris dolĉe : « Ĉu vi nun kredos, mia infano, ke la konvaloj estis senditaj de Fraŭlino Muso ? » Sed mi alkroĉiĝis ĉe esperradieto, ĉe la fakto, ke la terura okazintaĵo okazis en alia urbo ol tiu, en kiu vivis antaŭe Fraŭlino Delarbo. Mi tion diris al patrino, sed ŝi dube skuis la kapon, dirante : « Mi sentas, ke la mortintino kaj Fraŭlino Muso estas nur unu sama persono. Tamen, por akiri certecon, mi skribos al l'adreso de Fraŭlino Delarbo en nia urbeto. Ŝi skribis, kaj du tagojn poste ni ricevis nian leteron kun la mencio : « Foririnta ne lasante adreson ».

LUCETTE FAES.

## JULIO KAJ LIA SOCIALA ROMANO.

### Neeldonita Novelo, de MAX NEHAMA.

Marcelo, kun kapo dorsenfleksita, ensorbis unu « bock », kaj dum la fundaĵo de la kruĉo, je la mezo, truis al li la vizaĝon, liaj okuletoj, kontente, flanke, rigardesploris la amikon Julion romaniston. Tiam, demetante la kruĉon, li ŝovis la langon inter siajn lipojn kaj diris :

— Do, ci estas edziĝonta !

Julio alproksimiĝis sian seĝon, klinis la klapon, kaj ĝemis :

— Jes.

— Ĉu ci ne diris al mi, kara amiko, ke edziĝo estas institucio eluzita kaj neakordigebla kun la ideoj de la jarcento ?

— Jes.

— Ke la homo estas, inter la bestoj superaj, la sola vira estaĵo, kiu povas toleri la saman inon pli ol unu sezonon ?

— Jes.

— Ke edzeco estas malfeliĉego kiel la kankro, la piedkaloj kaj la tertremoj ; ke tuta vivo de neŭrastenio, de disputoj, eĉ kelkafoje de pugnobataloj, estas penitenco tro kruela por eraro, ne pripensitaĵo aŭ bagatelo kiel edziĝo ?

— Ho jes !

— Ke edzeco povas esti bona, sed ke ĝi neniam estas ĝuodona ĝis la fino ; ke ci povus resti sen ĝi tutan cian vivon kaj ke ci aranĝiĝis tre bone alie ?

— Mi ĝin diris.

— Kaj tiam ?

— Kaj tiam estas, ke mi edziĝas.

— Kun kiu ? Kontraŭ kiu ?

— Mi scias nenion pri tio. Mi volas edziĝi, ĉi vidas, por koni edzecon, por koni ĉiujn ĉagrenojn kaj ĉiujn neelporteblaĵojn, kiujn ĝi kreas. Poste mi verkos romanon, socialan romanon, en kiu mi faros la proceson de la edzeco. Tiel mi servos la homaron.

Post tio, Julio silentis, kaj Marcelo mendis unu « bock ».

II.

Evo — ŝia nomo estas Evo — havis harojn mallongtonditajn, « Ninon »-maniere, kaj kiuj aŭreolis ŝian delikatan kapeton, vidigante ŝian eburan-kaj-atlasan nukon.

Julio diris al si, ŝin vidante tiel gaja, tiel senzorga, tiel petola, ke ŝi estis virino, kiun la rolo de provosubjekto neniam suferigos, kaj kiu povos trovi amon ekster la geedzeco. Tiel foriginte ĉiujn konsciencoĝenon, Julio decidis edzinigi ŝin.

Estis ĉe ŝia onklino, iun vesperon... Evo kubutapogis sur la balkono. Julio ankaŭ. Ili rigardis la straton, malsupre... Kaj-dum la aŭtomobiloj preterpasis kornsonorante, la ŝarĝveturiloj resonigis la pavimon kaj tremigis la domon, la tramveturilo forflugis, laŭlonge de la placo, fajfadante — Julio, sur la balkono altiris al si la etan blondan Evon, kaj ŝin kisis la buŝo, pasiege. « Ba » li pensis, « ŝi estas virino post ĉio, kaj tiam, estas la plej facila rimedo ».

Kaj ĉar ŝi estis karesavida knabineto, ili restis tie, longatempe, kisante kaj babilante, super la strato, kiu forfluis, lumigita.

Sed onklino Amelio venis ; oni reeniris en la salonon. Evo ruĝiĝis, Julio ridetis. Onklino Amelio ilin ĉirkaŭbrakis, ploris larmojn kortuŝantajn, tamen moknomante ilin « porketoj ». Ili rigardis unu la alian, kortuŝitaj...

...Nun ili troviĝis en Montreux, en edziĝvojaĝo. Julio, unue forgesinte sin, ravita de la belaj okuloj de la blondulino, pensis — kiam ŝi estis lia edzino — ke ŝi ne estis, kaj ke ŝi ne devus esti. Sed Evo, pro tio, estis nekontenta ; ŝi, kiu tiel senpacience kaj fervorege estis atendinta edzon, kiu venos eltiri ŝin el la enuo en kiu fine falas fraŭlino, kiu pozas virinon nuntempan kaj nedependan, sed kiu efektive nur estas bona malgrandulino, kies ideojn oni konfuzigis.

Estis ankaŭ granda seniluziiĝo. Ŝia edzo traktis ŝin kiel infanon ; nokte li venis kovri ŝin en ŝia granda svisa hotellito, dolĉe kiel patrino. Poste, li reiris en sian ĉambron, flanke, por verki. Li estis metinta la gvidfostojn de sia romano. Li finigis ĝian antaŭludon, kiel li diris, kaj atendis senpacience la kritikajn momentojn de la edzeco, por eternigi ilin en sia verko. Tio, kio malkvietigis lin antaŭ ĉio, estis la titolo. Ĉu « Edzeco » aŭ « Dudekjara Sklaveco » ? Li hezitis. Post ĉio, li havis la tempon.

La lumo filtre radiis tra la preskaŭ fermita pordo. Tio malhelpis la etan Evon dormi, kiu, kun la okuloj grande malfermataj en la nokto, atendis sian edzon.

Sed ŝia edzo venis neniam.

III.

Tiam ŝi komencis ami lin, sed ami lin el sia tuta animo. Li rimarkis nenion, estis respektplena kaj servema, nenio pli. Li plene konsciis la

# BANQUE DE FLANDRE

ANONIMA SOCIETO EN GENT - FONDITA EN 1847

Deponaj kaj duonmonataj kontoj

Diskonto kaj enkasigo de biloj

Kreditleteroj

Konservado de obligacioj kaj titoloj

Aĉeto kaj vendo de obligacioj

Pruntedono sur obligacioj

Enkasigo de kuponoj

Luigo de monkestoj

ĈIAJ BANKAFEROJ.

(101)




Por kondiĉoj kaj mendoj oni sin turnu al:

**37, Avenue de Belgique, Anvers. — 37, Belgiëlei, Antwerpen.**

S-ro M. Jaumotte, el Antverpeno, estas unuanime elektita por anstataŭi S-ron Mathieux.

La Prezidanto dankas la ĉeestantaron pro ĝia elmontro de konfido je la Ligestraro, deziras bonvenon al S-ro Jaumotte kaj dankas varme S-ron Mathieux pro la grandaj servoj de li faritaj al la Ligo dum multenombraj jaroj.

La kunsido finiĝis je la 13a.

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO.

### Koopera Societo.

La tria societa jaro de nia nacia koopera societo finiĝis kaj je la 5a de Majo okazis la ordinara Generala kunveno de la membroj, dum kiu la administrantaro prezentis sian jarraporton. El tiu raporto ni prenas la sekvantajn interesajn detalojn :

LA SOCIETA KAPITALO, kiu dum la antaŭa jaro kreskis de Fr. 27.700 ĝis Fr. 69.900,—, atingis je la fino de la 3a societa jaro : **Fr. 102.000,—**. Notinda estas la kunlaboro ne nur de unuopaj Esperantistoj, sed ankaŭ de kelkaj propagandaj organizaĵoj en Belgujo, kiuj komprenas, ke la societo grave subtenas ilian klopodadon. La pagita kapitalo atingis je la 31a de Marto1929 la sumon de **Fr. 71.072,—**.

AKCIULOJ. — Je la 31a de Marto 1929 la nombro de akciuloj estis: 81.

PROPRAJ ELDONOJ. — Estis eldonitaj aŭ reeldonitaj:

1) propaganda leterpapero, kovertoj, poŝtkartoj;
2) naŭ diversaj modeloj de insignoj, kaj unu speciala insigno por universitatanoj;
3) ilustritaj poŝtkartoj kun klarigoj en Esperanto, 3 serioj pri Antverpeno, 3 pri Bruselo, 1 pri Bruĝo, 1 pri Kortrijk ;
4) « Introduction à l'Esperanto » de M. Rollet de l'Isle;
5) « Belga Antologio »: Franca parto ;la Flandra parto estas nun presata;

Sekvos la eldono de:

1) speciala eldono de « L'Esperanto en dix Leçons» por Belgujo (kun adresoj de niaj naciaj kaj lokaj propagando-organizaĵoj) ;
2) la Flandra Ŝlosilo, kies ĝisnuna neapero estas tre bedaŭrinda ; la provaĵoj nun estas liveritaj kaj la eliro estas atendata en proksima tempo ;
3) Koresponda kurso en flandra kaj en franca lingvoj.

Krom tio la societo akiris la eldonrajton de la Flandra Fundamento de Esperanto, kiu ankaŭ aperos baldaŭ en sia nova vesto.

KONTRAKTOJ. — B. E. I. interkonsentis kun sia frat-societo « Centra Librejo Esperantista », Soc. An. en Parizo, pri la solvendrajto de ĝiaj eldonaĵoj en Belgujo.

LA BILANCA CIFERO DE LA VENDOJ kaj de aliaj laboroj atingis Fr. 186.042,88. Gravan plialtigon de la sumo kaŭzis la fako, ke okazis en Antverpeno la 20a universala Kongreso de Esperanto.

Sed subite revokita al la realeco per ia abomena timo, kiu premis lin ĉe la kolo, li rapidis al la verkotablo. Ĉiuj la paperoj estis tie, kun malgrandaj larmoj sur ili, kvazaŭ steloj. La antaŭparolo, kelkaj portretoj skizitaj, la fino. Precipe la fino, kiu estis tiel emociiga... Nenio mankis.

Li eligis duan « Ha !... » sed pro kontenteco tiun ĉi, kvietigita, vibranta, preskaŭ gaja.

IV.

Marcelo, kun kapo dorsenfleksita, ensorbis unu « bock », kaj dum la fundaĵo de la kruĉo, je la mezo, truis al li la vizaĝon, liaj okuletoj, kontente, flanke, rigardesploris la amikon Julion, ĵus revenintan el vojaĝo. Tiam Marcelo demetis la kruĉon kaj diris :

— Tiam, ci revenas fraŭlo ?

Julio alproksimiĝis sian seĝon, klinis la kapon kaj ĝemis :

— Jes... Mi perdis mian etan blondan Evon. Ŝi ne volis ludi la rolon de kobajo, ŝi estis prava. Estis kiam ŝi foriris, ke mi sentis, ke mi ŝin amis kaj ke ŝi estas bela... Ba ! Restas por mi mia romano, mia sociala romano. Ĝi estas preskaŭ finita, ĉu ci scias ?

Tiam, sentence, li konkludis :

— Kaj mallonga, mia kara, kaj realisma !

El la franca lingvo tradukis,
H.BOFFEJON.

## AKADEMIO KAJ LINGVA KOMITATO.

### Rezultatoj de la diversaj balotoj (Majo 1929).

I. — **Elektoj en la Lingvan Komitaton :** Estas elektitaj : S-roj Bailey (T. G.): 98 voĉoj; Göhl : 96; Hohlov: 95; Mazzolini, Privat G. Sebert: 94; Nekrasov: 93; Spiridoviĉ: 92; Simon: 90; Esselin, Stojan: 89; Kŭhnl, Shafer (F-ino):88; Villanueva: 87; Rublev: 85; Demidjuk: 84.

La ok nomoj substrekitaj estas tiuj de la novaj membroj.

II. **Elektoj en la Akademion :** Estas elektitaj : S-roj Baghy :74 voĉoj; Setälä: 61; Stamatiadis : 57.

III. **Pri la Kvara Aldono :** Aprobis ĝin : 83; Malaprobis : 24. Ne voĉdonis: 6. Kelkaj L. K.-anoj sendis rimarkojn, kiujn ekzamenos tre atente kaj zorge konsideros Prof. Grosjean-Maupin, Direktoro de la Sekcio « Komuna Vortaro ». La **Aldono** aperos en Junio-Julio 1929.

IV. **Pri la prefikso : « mis » :** Ĝia signifo estas **severe limigata** al la senco: **erarmalĝust-, malbon-.**

Aprobis la oficialigon: 72. —Malaprobis ĝin: 39. Ne montris sian opinion: 2. Sekve, la prefikso: **mis-** fariĝos de nun **oficiala** laŭ la supremontrita senco.

V. **La modifoj en § 11 de l'Regularo :** Forigo de la linioj 3 kaj 4 kaj anstataŭigo (lin. 5) de « **Estraro** » per « **Akademio** » estas aprobitaj per 98 kaj 109 kontraŭ 14 kaj 3. Ne voĉdonis : 1.

Atestantoj : La Prezidanto :
R. de LAJARTE - M. ARGER. Th. CART.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

**Raporto pri la Komitata kunveno okazinta en Bruselo dimanĉon, 28an de aprilo 1929.**

La kunveno okazis en « Brasserie Flamande », Auguste Ortsstrato, je la 10a matene, sub la prezidanteco de S-ro Schoofs, Prezidanto. Ĉeestis : S-ro Champy, komitatano ; F-ino Jennen kajS-ro Cogen el la ekzamena juĝantaro; S-ro De Kegel (Grupo « Pioniro » el Aalst-Alost), S-roj. Jaumotte kaj Faes (« Verda Stelo » el Antverpeno) S-ro Poupey (Bruĝa Grupo); S-ro Kempeneers kaj Mathieux (Brusela Grupo); S-roj. Vandevelde kaj Petiau (Genta Grupo); S-ro Leflot (Liera Grupo); S-ro Hérion (Verviers'a Grupo).

**Senkulpigis sin** : S-ino Elworthy-Posenaer, S-ro O. Van Schoor, Komitatanoj, kaj la Grupo el Tirlemont.

TAGORDO :

1) **Financa situacio de la Ligo.**

S-ro Mathieux, Kasisto, montras la financan staton de la Ligo, kiu, dank'al la XXa Universala Kongreso, estas tre kontentiga. La enspezoj pli ol triobliĝis dum la elspezoj nur duobliĝis. Restis je l'fino de 1928 saldo de pli ol 11.000 fr., el kiu 5.000 fr. estis uzataj kiel partopreno de la Ligo en « Belga-Instituto ». (Vidu la detalojn en la Kasista raporto aperinta en la aprila numero de B. E.).

2) **Estonta agado de la Ligo.** — La Ligo klopodos revivigi la ne funkciantajn grupojn kaj starigi novajn ĉie, kie ili ne jam ekzistas.

S-ro Hérion konigas la malfacilan situacion de la kursoj ĉe la IVa grado de la oficialaj lernejoj en Verviers, kie mankas bonaj profesoroj. Por plibonigi tiun situacion estas konsilite pli fortigi la movadon en Verviers kaj tiam la kursoj sukcesos. La Ligestraro plej efike helpos niajn Verviers'ajn amikojn.

Post ĝenerala diskutado oni interkonsentas, ke la plej bona maniero por prosperigi la grupojn kaj konservi la membrojn estas pagigi la kursojn per sufiĉa kotizo, kiu entenas la abonon al B. E.

3) **Nacia kongreso en Gento.** — La Liga Sekretario konigas la programon de la proksima nacia kongreos kaj faras varman alvokon por ke la grupoj kolektu senprokraste la aliĝojn kaj ilin tuj alsendu kun ĉiuj necesaj informoj por la loĝado.

4) **Elekto de unu membro-anstataŭanto de la ekzamena juĝantaro.** S-ro Mathieux estas unuanime elektita por anstataŭi S-ron Parotte, mortinta.

5) **Ŝanĝoj en la programo de la ekzamenoj pri profesora kapableco.** S-ro Vandevelde, membro de la Juĝantaro, proponas novan programon. Post ekzameno oni decidas prokrasti la solvon, por ke la grupoj havu la tempon pristudi la proponon, kiu estos reekzamenata dum komitata kunveno en Gento.

6) **Reelekto de la Ligestraro.** — Ĉiuj Ligestraranoj estas unuanime reelektitaj krom S-ro Mathieux, Kasisto, kiu, pro manko de tempo, ne plu povas plenumi tiun oficon kaj petis, ke oni ne plu reelektu lin.

devojn, kiujn kunportis al li lia rolo de observanto senpartia kaj objekta, ne volis kompromiti ĝin. Unufoje la romano finigita kaj la opinio de la publiko kaptita, kiu scias ? Eble ?

Ŝi iĝis ĵaluza.

Ĉiujn tiujn vesperojn, kiujn li pasigis sub la lampo, por kio li uzis ilin ?

Li tamen promesis al ŝi ne labori dum ilia vojaĝo. Ĉu ne estis plivere longa amkorespondo, kiun li faris ? Li, kiu sciis tiel bone esprimi la amajn sentojn ! Kaj tiuj pilkludoj kun fraŭlino Lucio ? Kaj tiuj aŭtomobilveturadoj ?

...Ĉu ŝi do estis tiel malbela ? Ŝi rigardesploris sin en la ovalo de la spegulo, pridemandis sian puran vizaĝon, eksperimentis siajn maldikajn kaj firmajn mamojn, kiuj ribeliĝis sub ŝia vesto.

Virinoj scias tre bone, kion ili volas, konas la feliĉon, kiun ili celas, ŝatas ĝin.

Feliĉo !...

Estas la ŝlosilo de la virina koro, estas la sorĉvorto, la turnilo de la vivo. Ĉiuj rimedoj estas bonaj por esti feliĉa. Kaj kiam la scivolo, la memamo aŭ la ĵaluzo aldoniĝas al tiu deziro, la konscienco igas sin malgranda, tute malgranda, por ne ĝeni.

...Julio estis foririnta al Clarens por pilkludado.

Evo, restinta en la hotelo, brodadis ĉe la fenestro... Estis aŭtuna posttagmezo, dolĉa kaj intima. Le penso de Evo estis forfluginta.

...Ŝi vidis en la parko, Julion, kiu tenis fraŭlinon Lucion en siaj brakoj, tute blankan sub la kisoj. Sur la tero pilkludilo fariĝis mandolinon... La ombro plidensiĝis, Evo plu nenion vidis.

Ŝi lernos pilkludi kaj iros kun Julio; ŝi portos belan alpakan veston, blankan pilkludveston, kiu igos ŝin pli gracitalia, pli facilmova, pli blonda... Julio ŝin amis, la naturo ridetis al ili nedireble. Sub la lunlumo la akvo de la lago fluetis, kiel perloj.

Subite, ideo naskiĝis en ŝia kapo, ideo, kiu ŝin frenezigas : se ŝi irus vidi, kion li skribis ĉiujn noktojn ? Estis ne bone, certe. Ŝi tien iris decideme, sen timo.

Ĉu ŝi ne estis hejme ? La pargetero, kiu krakis, ne igis ŝin eĉ sulki la brovojn.

La ŝlosiloj estis ĉiuj samaj. Ŝi traserĉis la tirkeston... Ŝi sidiĝis kaj legis...

Estis terure ! Ŝi estis ludilo de tiu viro. Ŝi plorĝemis : « Mi ne havas ŝancon... Mi ne havas ŝancon...»

Julio estis sur la sojlo de la pordo, ridetanta.

— Bonan tagon, karulino, mi forgesis mian « west-pocket ».

Li silentis subite ; gesto, kiun li estis skizinta per la mano neniiĝis; liaj okuloj rondiĝis :

— Ha...

Unupece Evo sin estas levinta. Ŝi estas elpordiĝinta, tre rigida, kaj ŝia vesto estas ondinta kun frotado de la faldoj.

Li havas tremeton. Ŝi ŝajnis al li plialtigita, kvazaŭ aŭreolito ; li ekhavis pri ŝi senton de respekto kaj de kortuŝo.

INVENTARO. — Je la 31a de Marto 1929 la valoro de la provizo de libroj kaj alia materialo (kliŝoj k.c.) estis, laŭ farita inventaro : Fr. 33.655,—.

REZERVOJ. — Laŭ pasintjara bilanco la rezervoj estis :

| | | |
|---|---|---|
| rezervo por amortizo de Inventaro | Fr. | 5.043,38 |
| laŭleĝa rezervo 5% | » | 304,16 |
| eksterordinara rezervo | » | 584,20 |
| | Fr. | 5.931,75 |

Nun, post aprobo de la bilanco pri la 3a societa jaro, tiuj sumoj plialtiĝis jene :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| rezervo por amortizo de Inventaro | Fr. | 3.365,— | | |
| laŭleĝa rezervo 5% | » | 574,30 | | |
| eksterordinara rezervo | » | 1.125,— | » | 5.064,30 |
| | | | Fr. | 10.996,05. |

Jen la BILANCO JE LA 31a DE MARTO 1929, aprobita de la ĝenerala kunveno :

AKTIVO :

| | | |
|---|---|---|
| Akciuloj : pagota kapitalo | Fr. | 30.928,— |
| Banko : Ĉekkonto | » | 1.865,45 |
| Banko: 15 taga konto | » | 70.000,— |
| Poŝtĉekkonto | » | 1.292,— |
| Inventaro | » | 33.655,— |
| Ŝuldantoj | » | 9.761,65 |
| Laŭstatutaj deponoj de Administrantoj kaj Komisaroj | » | 4.000,— |
| | Fr. | 151.502,10 |

PASIVO :

| | | |
|---|---|---|
| Subskribita kapitalo | Fr. | 102.000,— |
| Kreditoroj | » | 22.453,60 |
| Rezervoj: Amortizo de Inventaro | » | 8.408,38 |
| Necertaj ŝuldantoj | » | 215,60 |
| Radio-kurso | » | 100,— |
| Impostoj 1926/7 & 1927/8 | » | 1.338,16 |
| Laŭleĝa 5% | » | 304,16 |
| Eksterordinara | » | 584,81 |
| Dividendoj de antaŭaj jaroj, nepagitaj | » | 33,19 |
| Belga Ligo Esperantista | » | 584,21 |
| Laŭstatutaj deponintoj | » | 4.000,— |
| Neta profito | » | 11.480,59 |
| | Fr. | 151.502,10 |

La administrantaro raportis pri la kalkulo de perdoj kaj profitoj, kaj la komisaroj prezentis sian raporton al la ĝenerala kunveno, kiu aprobis la dividon de la neta profito de Fr. 11.480,59 laŭ jena maniero:

Rezervo por impostoj (22%) ........................ Fr. 2.525,73
Laŭleĝa rezervo (5%) ........................ » 574,30
Unua dividendo 5% jare al la pagita kapitalo ........ » 2.263,06
Administrantoj kaj Komisaroj ........................ » 1.125,—
Al Fondintakcioj, po 3.75 ........................ » 1.125,—
Dua dividendo: 2,50% jare al pagita kapitalo ........ » 1.131,53
Al Eksterordinara rezervo ........................ » 1.125,—
Al Belga Ligo Esperantista ........................ » 1,125,—
Saldo transportota al sekvanta societa jaro: ........ » 485,97

ADMINISTRADO. — La Ĝenerala Kunveno de la 6a de Majo 1928 reelektis S-ron Oscar Van Schoor kiel Administranton, kaj S-ron Louis De Hondt, kiel Komisaron.

Konforme al paragrafo 10 de la Statutoj, S-ro Morris De Ketelaere, Administranto, kaj F-ino Jeanne Morrens, Komisarino, estis reelektitaj por periodo de ses jaroj.

**La Administrantaro** konsistas nun el : S-roj Fr. Schoofs, M. Jaumotte, E. De Coster, G. Vermandere, M. De Ketelaere, Oscar Van Schoor, kaj

**la Komisaroj** estas : Ch. Van der Veken, H. Vermuyten, F-ino J. Morrens, L. De Hondt, R. Geerinck.

Per du specialaj voĉdonoj la kunveno kvitigis la Administrantaron kaj la Komisarojn de ilia direktado dum la pasinta societa jaro.

La prosperando de B. E. I. estas vere ĝojiga, ĉar oni povas diri, ke tiu societo malfermis tute novajn horizontajn al nia movado en Belgujo. Planoj, kiuj neniam estus realigeblaj pro manko de rimedoj, de nun povos esti ekzamenataj praktike kaj trovos sian solvon kun pli da facileco.

Notinde estas, ke — kiel la du unuajn jarojn — la akciuloj ricevas ankaŭ je la fino de la tria societa periodo netan dividendon de 7½|% jare, kaj ke por tiu sama periodo « Bela Ligo Esperantista» ricevas el la profito sumon de Fr. 1.125,—.

## LA FAJFILO.

Kiam mi estis infano de kvin au ses jaroj, miaj amikoj unu festtagon plenigis mian poŝeton je cendoj. Mi iris tuj al butiko kie oni vendis bagatelojn; sed ĉarmita de sono de fajfilo kiun mi aŭdis en vojo, en la manoj de alia knabeto mi oferis al li, kaj donis volonte interŝanĝe mian tutan monon. Reveninte hejme, tre kontenta pro mia aĉetaĵo, fajfante en la tuta domo, mi lacigis la orelojn de la tuta familio; miaj gefratoj, miaj kuzinoj eksciante ke mi estis doninta tiom da mono por tiu malbona ilo, diris al mi, ke mi estis paginta ĝin dek foje pli ol ĝi valoris; tiam ili faris min pensi al la nombro de aĵoj kiujn mi estus povinta aĉeti per la restaĵo de mia mono, se mi estus estinta pli prudenta. Ili mokis min pro mia malsaĝeco, ke mi ploris; kolereto kaj la pripenso donis al mi pli da ĉagreno ol la fajfilo plezuron. Tiu malfeliĉaĵo havis tamen poste iun utilecon por mi. La impreso restinta en mia animo, ankaŭ kiam mi estis tentata aĉeti ion kio ne estis necesa al mi, mi diris al mi mem : « Ne donu por la fajfilo » kaj mi ŝparis mian monon.

FRANKLIN.

Tradukis P. kaj G. R., Ninove.

**KONSERVU vian kapitalon por igi ĝin profitdona kaj**

# AĈETU

Meblojn
Orajojn
Manĝilaron
Kuirilojn
Varmigilojn
Lumigilojn
Tablotukaron
Tolon
Kotonon
Peltojn
Vojaĝartiklojn
Bicikledojn
Fotografaparatojn GOERZ, KODAK. AGFA, k.t.p.

ĈION, KION VI DEZIRAS kun

## 12, 15, 20 kaj 24 MONATOJ DA KREDITO

***de la AGENCE DECHENNE S. A., 18-20-22-24, rue du Persil, BRUSELO***

PETU NIAJN SENPAGAJN KATALOGOJN.




# "HIS MASTER'S VOICE"

## APARATOJ KAJ DISKOJ

Petu informojn, katalogojn kaj prezojn al niaj Agentoj.

Kiu aŭdis nian aparaton, certe aĉetos ĝin.

## PACIENCO KAJ EDUKADO KOREKTAS MULTAJN DIFEKTOJN.

Ursino havis idon, kiu ĵus naskiĝis. Ĝi estis abomene malbela. Oni rekonis nenian specon de besto en ĝi: estis senforma kaj malbelega amaso. L'ursino tre hontoplena havi tian filon, iras ĉe sian najbarinon, la kornikinon kiu bruegis sub arbo per sia babiladaĉo. « Kion mi faros? ŝi diras al ŝi, mia bona babilulino, je tiu malgranda monstro. Mi ekdeziras strangoli ĝin. Ne faru tion, diras la babilemulino, mi vidis aliajn ursinojn en la sama embaraso kiel vi. Leku vian filon, ĝi estos baldau beleta, ĉarma kaj konvena por fari al vi honoron. La patrino facile kredis tion kion oni diris al ŝi en favoro de ŝia filo. Fine ĝi komencis iĝi malpli senforma, kaj ŝi iris danki la kornikinon per tiuj vortoj: se vi ne estus moderiginta mian malpaciencon, mi estus kruele ŝirinta mian filon, kiu estas nun la tuta plezuro de mia vivo. Ho kiom da bonaĵoj la malpacienco malebligas kaj kiom da malbonaĵoj ĝi okazigas!

FENELON.

Tradukis P. kaj G. R., Ninove.

## BONHOMURO.

La malgranda Toto vidas mortintan fiŝon, kiu flosos sur la akvo : « Malfeliĉa besteto, ĝi certe droniĝis ».

•

**En la laborborso :** Kion mi precipe deziras, estas servistino, kiu ne respondas.

— Mi ĵus havas, kion vi serĉas.

— Ĉu vi garantias, ke ŝi ne respondas ?

— Tute certa mi estas pri tio : ŝi estis telefonistino.

**Ĉe la balo :** Ĉu mi kuraĝus peti valson de vi, Fraŭlino ?

— Certe, Sinjoro, jen, la lastan de mia dancordo.

— Dankon, sed bedaŭrinde mi tiam ne plu estos tie ĉi.

— Mi ankaŭ ne !

**Neimagebla :** — Mi havis teruran inkubon dum la lasta nokto.

— ? ?

— Mi sonĝis, ke mia bopatrino iĝos centjara.

**La juĝisto :** — Kio kondukis vin ĉi tien ?

— Estas viaj policanoj, juĝista Moŝto.

**Tiel bonkora.** — Mia servistino estas vere bonkora, ŝi neniam batas miajn infanojn.

— Ne komparebla kun la mia, ŝi ne volas bati miajn tapiŝojn.

**Distingo.** — Sankta Petro al aferisto, kiu deziras eniri en la Paradizon:

— Senutile estas insisti; vi scias, kio estas skribita : « Kamelo pli facile pasas tra kudriltruo ol riĉulo eniras en la ĉielon ».

— Sed mi ne estas riĉa ! Vi ja scias, ke ĉio estis je la nomo de mia edzino.

**Ne kulpa.** — Johano, mi ne plu povas toleri vian malzorgemon. Vidu tiun polvon sur ĉiuj mebloj. Ĝi kuŝas tie de ses monatoj almenaŭ!

— Tiam mi ne estas kulpa. Via Sinjorina Moŝto tre bone scias, ke mi havas la honoron esti je ŝia servo de nur unu monato.

**Logika.** — Diru al mi, avo, de kiam vi estas avo.

— Vidu, karuleto, jus de kiam vi naskiĝis.

— Sekve, se mi ne estus naskiĝinta, vi ne estus avo ?

— Ne, kompreneble.

— Kion mi ricevas pro tio ?

**Persistemo.** — Edzo : Jam de du jaroj mi ne plu parolis al mia edzino.

— Amiko : Kial ?

— Edzo : Por ne interrompi ŝin.

**Kuracisto kaj paciento.** — Sur la brusto vi havas ŝvelajon, kiun mi devos malaperigi.

Ne ŝercu, Doktoro, estas mia monujo.

PENSOJ.

La senlaboremo similas la ruston, ĝi pli uzas ol la laboro : la ŝlosilo uzata estas ĉiam brila. FRANKLIN.

La malbonuloj estas kiel la muŝoj kiuj kuras sur la korpo de l'homo kaj haltas nur ĉe la malsanaj lokoj.

# DECLARACIO PRI NEŬTRALECO

De kelka tempo malamikoj de Esperanto klopodas por identigi la ĝeneralan propagandon por la internacia helplingvo Esperanto kun la agado de partianoj, kiuj praktike uzas Esperanton por certaj sociaj celadoj.

La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Ĝenevo, elektita de 36 naciaj asocioj por la propagando de Esperanto kaj kiu reprezentas proksimume 100.000 Esperantistojn en la tuta mondo, deklaras formale kaj firme, ke ĝia programo, celanta nur la ekondukon de Esperanto, estas absolute neŭtrala rilate aferojn de politiko, religio, raso aŭ socio.

Ĉi insiste kontraŭstaras al tiuj malveraj asertoj, kies efiko signifas nur malhelpi la grandan progreson, rezultantan el la ĝenerala adopto de facile lernebla neŭtrala helplingvo apud la koncerna gepatra lingvo.

# NIA PROGRESADO

**La poŝto kaj Esperanto.** — Esperanto trovas pli kaj pli apogon en la oficialaj rondoj de P. T. T. Per cirkulero Nº 132580 (13.12.28) la Ĝenerala Direkcio de l'P. T. T. de Bulgarujo rekomendis al la poŝtistoj la studadon de Esperanto. La Ĝenerala Direkcio de l'P. T. T. de Rumanujo per ordono Nº 132 de l' 5 marto 1929 permesis la organizon de Esperanto-kurso en la P. T. T.-lernejo de Bukaresto, same la uzon de Esperanto laŭ la bezono de l'poŝta servo. I.E.S.

**La foiroj kaj Esperanto.** — La internaciaj foiroj daŭrigas uzi Esperanton. La foiro de Budapesto denove aperigis prospekton en Esperanto ; same faris la foiroj de Frankfurto a. M., Lyon kaj Parizo.

**La ekspozicioj kaj Esperanto.** — La Internacia Ekspozicio por Kolonioj, Navigacio kaj Flandra Arto, 1930, Antverpeno, faras reklamon pere de Esperanto. Ĝi distribuis en sufiĉe granda nombro prospekton kaj reklam-markojn en tiu ĉi lingvo. La Direkcio de la Ĝardenkultura Ekspozici o en Kortrijk (Courtrai) sammaniere aperigis reklam-markon en Esperanto. I.E.S.

**La scienco kaj Esperanto.** — Por la 3a fojo la Observatorio de Taten (proksime de Tokio) publikigis sian aerologian jar-raporton en Esperanto. I.E.S.

**La stenografio kaj Esperanto.** — La stenografiaj rondoj preskaŭ ĉie interesiĝas pri Esperanto. Nova, sufiĉe rimarkinda adapto de la germana sistemo Arends aperis antaŭ ne longe.

**Somera Universitato en Esperanto.** — Ankaŭ en ĉi-tiu jaro Somera Universitato en Esperanto estos ligata kun la 21a Universala Kongreso de Esperanto en Budapesto de l' 2 - 9 aŭgusto. Eminentularo de div. nacioj faros en ĝi prelegojn teknikajn aŭ sciencajn en Esperanto. Jen la programo: Filologio: S-ro H. Sköld, Docento de la Universitato de Lund (Sved.): « La lingvasituacio en Orient-Azio »; D-ro L. Dreher, Krakau: Lingvo komparo angla-franca-germana. Filozofio : Dro. Kiss, Papa prelato, Profesoro ĉe la Universitato de Budapest, Direktoro de l'«Collegium Medium », Budapest : La naturo, origino kaj valoro de l'homa scio; Fiziko: Dro. Lazló de Rhorer, Profesoro ĉe la Universitato de Pécs (Hungarl.) : « La Televido »; Geologio: Dro. Guyla Aekusz, Eks-Adjunkto de la Budapesta Universitato: La estiĝo kaj pereo de l'montaroj »; Literaturo: Béla Vikàr, Eks-Ĉefo de l'Parlamenta Stenograf-Oficejo, Budapest: « La hungara literaturo »; Medicino: Dro Giorgio Canuto, Profesoro ĉe la Universitato de Torino: «Evolucio kaj nuntempa aplikado de Jurmedicino»; Juro: Advokato André Pinó, Valencia: «Pastro Viktorio kaj la hispana literaturo pri publika internacia juro; Prokuroro de l'Sup. Tribunalo, Chas. G. Tarelli, Internacia Lobor-Oficejo, Genève : « a deviga laboro de l'indiĝenoj ». I.E.S.

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Al la tutmonda instruistaro esperantista!** Preskaŭ ĉiutage oni urĝe petas, aŭ eĉ energie postulas de mi materialon statistikan pri la temoj «Esperanto en lernejoj» kaj « Esperanto inter la instruistaro». Ĉar ne ĉiuj gekolegoj abonis kaj legas nian« Internacian Podagogian Revuon », mi nun per niaj aliaj esperantistaj gazetoj petas :

1e Anoncu vin kiel instruistojn esperantistajn sendante vian precizan adreson !

2e Bonvolu raporti, ĉu en via urbo aŭ vilaĝo oni (ne nur vi persone) iam instruis aŭ hodiaŭ instruas Esperanton en iu lernejo. Skribu la nomon de la koncerna lernejo !

3e Bonvolu turni vin, se vi bezonas korespondantojn el la tutmonda kolegaro por vi mem aŭ por viaj klasoj (pro internacia korespondado de l'lernantoj) al ni !

Ni ordigos la korespondan aferon sisteme kaj laŭplane. Cetere ni jam kolektis la adresojn de pli ol 4.000 esperantistaj geinstruistoj el pli ol 50 landoj.

Ricevinte viajn sciigojn, ni kapablas aranĝi kaj doni fidindan statistikon pri la supre aluditaj temoj, kiu estas nepre necesa.

Sendu la materialon al **F-ino Martha Moelke, Sommerfeld, Nieder-lausitz** (Germanujo), kun kiu mi en «Kunlaborado » kun I.A.L.A., New-York, kaj la Instituto J. J. Rousseau, Genève, zorgos pri la statistiko.

D-ro DIETTERLE.

**Kiu volus cedi** la numerojn 2-3-4-5 de la jarkolekto 1928 de « Belga Esperantisto ? Pro afabla propono kaj informo dankas antaŭe S-ro Eduard Dewolfs, Oplintschen steenweg 53, Tienen.

**La Komitato por S. Venceslaofestoj**, kiu organizas multnombrajn solenaĵojn kaj festojn dum la tuta daŭro de speciala ekspozicio dediĉata al S-ta Venceslao (15 Majo-10 Oktobro) eldonis detalan informaron en Esperanto pri ĉiuj okazontaĵoj. Interesuloj bonvolu ĝin peti de la supre-citita komitato: Josefskà 8, Praha III, Ĉehoslovakujo.

---

## BIBLIOGRAFIO

DIABLIDOJ. Rakonto por la Junularo. De N. Barthelmess. 48 paĝoj 18,5 x 13 cm. Eldonita : 1928 de Eldona kooperativo de S.A.T., Leipzig. Prezo Rmk. 0,60. La bele presita libreto enhavas rakonton por junuloj bazitan sur klasbatalaj argumentoj, kaj malgrandan originalaĵon « Milito kaj Paco ». Ni tre dubas, ĉu tia literaturo instigos la junulojn por konduki la socion al tia stato de paco kaj de ĝenerala feliĉo, kian celas tre certe verkisto kaj eldonistoj.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO**

TELEGRAF-ADRESO: " PERFECTA ,, GENT

TELEFONO: 635

---

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO




CIF AL ĈIUJ HAVENOJ

**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**
de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**
**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# Scheerders - Van Kerchove's

VEREENIGDE FABRIEKEN *(Naamlooze Vennootschap)*

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)